# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 385 (oktobro-decembro 2008)

**Ĉefredaktanto:**
Ángel Arquillos
**Kunlaboris:**
Augusto Casquero, Ana Manero, Rafaela Urueña, Julio Herrero, Fabián Jiménez, Miguel Adúriz**.** Wolfgang Gunther, Lorenzo Noguero, Mirjam Larissa Walter.
Korektado: Alejandro Pareja
bulteno@esperanto.es
Calle Ánfora, 6-5º-D
29013-Málaga





Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid

admin.@esperanto.es
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961

## Estraro



Presejo:Gráficas Aurora. Zaragoza
DL-Z-334-90

**ENHAVO**



**Dum la lasta ĝenerala kunsido de HEF en la urbo Kuenko, oni aprobis la novajn kotizojn por Boletín jaro 2009.**

**Jen estas:**

**-socio ordinario (ordinara membro) 32 €**

**-Socio colectivo y patrono : 64 €**

**-Nur abono al Boletín: 32 €**

# Prezento



Saluton al ĉiuj legantoj de Boletín. Mi estas Ángel Arquillos, andaluza esperantisto, sufiĉe konata de multaj esperantistoj, tamen mi konsideras oportune saluti vin kiel nekonatulo, ĉar mia sperto pri redaktado de grava bulteno, kiel la hispana Boletín, estas nula; mi spertas pri la andaluza bulteno, kiu estas tre simpla kaj facila, tamen "sufiĉe bona"…

Mi tutcertas ke Boletín havas lertajn kunlaborantojn, kiuj, volonte sin ofertis helpi min pere de kunlaboraĵoj kaj precipe je bonaj konsiloj por eldoni taŭgan bultenon. Mi dankegas al Jorge Pavón, kiu, dum du jaroj estis la redaktanto, kaj faris bonegan laboron. Manolo Pancorbo kaj Antonio Botella, ambaŭ redaktintoj, inter aliaj, pretas helpi min. Ili spertas pri ĉi laboro kaj tio trankviligas min. Kaj se Alejandro Pareja daŭrigas sian sindoneman kunlaboradon en la korektado de la plej komplikaj artikoloj, mi dankegos lin kore.

La enhavo de ĉi bulteno temas precipe pri la nova estraro, la hispana kaj andaluza kongresoj okazontaj en Malago, la tagoj, 2a, 3a, 4a kaj 5a de julio 2009, kaj multaj aferoj pri la diversaj grupoj kaj asocioj de Hispanio, ankaŭ estas menciinda la kunsido en Granado (13-a de novembro), pri la Internacia Jaro de la lingvoj, al kiu ĉeestas kelkaj reprezentantoj de Malago, Linareso kaj Jaeno.

Mi petegas al ĉiuj kunlaborantoj kaj al la novaj, ne prokrasti la sendadon de artikoloj kaj aliajn kunlaboraĵojn, por pretigi kaj eldoni la bultenon sen perdo da tempo, ĉiu tri monatoj, kiel kutime.

# La esperanto movado en Aragono

Tiu ĉi jaro, 2008, estas sufiĉe grava por la aragonaj esperantistoj, ĉar kiel ni jam publikigis en la pasinta numero de "Boletín", ĝuste la 3an de la pasinta julio estis la centjara datreveno de la fondo de la "Esperanta Societo "Frateco", kaj unu el la plej gravaj meritoj estis, ke tiu E-Societo neniam fermis oficiale siajn pordojn, malgraŭ persekutoj kaj mil baroj, kiujn ni devis superi dum la hispana intercivitana milito kaj postmilito.

Estus tre longa tasko priskribi, eĉ nur la plej gravajn eventojn de nia Movado dum tiuj cent jaroj, kaj por la scivolemaj legantoj ni jam publikigis la verkon "Cent jaroj de Esperanto en Aragono".

Por solenigi la eventon de tiu centjariĝo de nia asocio, la zaragozaj geesperantistoj decidis starigi monumenton en unu el la centraj ĝardenoj de Zaragozo, t.e. en la tiel nomita "Glorieta del Esperanto".

La solena inaŭguro okazos la 13an de decembro, je la 12-a horo, en la indikita ĝardeno. Je la dua posttagmeze okazos frateca tagmanĝo en la prestiĝa restoracio "El Asador de Aranda".

Malfeliĉe ne ĉio estas ĝojo en la vivo, kun profunda doloro ni informas al niaj legantoj pri la forpaso, la 4an de novembro, de unu el la plej kleraj hispanaj esperantistoj, Nicolas López Escartin.

Li estis ĉefredaktoro de "Boletín dum kelkaj jaroj kaj elstara aktivisto. Ni neniam forgesos lin!

Antonio Marco Botella

# EVENTOJ...

**3 - 6. januaro NULIGITA!** PostNR - PostNovjara Renkontiĝo en Föckinghausen apud Meschede, Germanio. Inf.: EsperantoLand, Lu Wunsch-Rolshoven, Wiclefstr. 9, 2. Gartenhaus, DE-10551 Berlin, Germanio. rete: somere5@esperantoland.org, tel.: +49-30-685 58 31 aŭ nr6@esperantoland.org

**14 - 23. januaro** Oceania Kongreso de Esperanto en Auklando, Nov-Zelando, kunlabore de AEA (Aŭstralio) kaj NZEA (Nov-Zelando) en konferencejo St Francis Retreat Centre , en Hillsborough , Auckland NZ. Inf: P.O. Box 8140, Symonds Street, Auckland 1035, Nov-Zealando. Rete: nzea@esperanto.org.nz

**3 - 4. februaro** Konferenco de Brazila Esperanto-Ligo, laŭ la temo "Vivu, progresu, sed lerni ne ĉesu." Kulturdomo de Lorena. Rua Viscondessa de Castro Lima, 10; Lorena; SP; Brazilo. Inf.: D-ro Paŭlo Sérgio Viana

**11 - 15. februaro** 5-a Azia Kongreso de Esperanto en Bengaluro, Barato. Inf. Kongresa kunordiganto: d-ro P. V. Ranganayakulu, tel.: +91-94409 43542, rete: ranganayakulu@gmail.com

**12 februaro** Internacia Tago de la Gepatra Lingvo de Unesco

**11 - 15. februaro** Plilongigebleco (kun vintrosport- kaj ekskurseblecoj, vizitoj de muzeoj, naĝejoj, saŭnejoj, uzebleco de la biblioteko kaj vidbendservo en ICH/Hherzberg. Inf: ICH, Interkultura Centro Herzberg, DE-37412 Herzberg/Harz, Grubenhagenstr.6. Tel: +49/(0)5521-5983, rete: esperanto-zentrum@web.de

**16 - 17. februaro** Esperanto lingvokurso por komencantoj en Belgio (Borzee) okazas dum semajnfino de popola muziko (+/- 300 homoj partoprenas!). Muzika etoso ekster la kurso! (popola balo sabate vespere). Inf: joelleco13@hotmail.com

**23. februaro** Talen Festival Leuven Lingva Festivalo en Leuven, Belgio. Inf: info@talenfestival.ve

**23. februaro - 1. marto** 49-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno en montaro Postavarul en Brasovo, Rumanio. Inf:: S-ino Rodica TODOR, rete: rodica_todor@yahoo.com, postel: +40-722-792849, aŭ S-ro Constantin MARCU, str. Zizinului nr. 65, bl. S 22, sc. D, ap. 2, 500403 Braşov, Romania. Rete: ela_net45@yahoo.com aŭ tour_esper@excite.com,

**23. februaro** Talen Festival Leuven Lingva Festivalo en Leuven, Belgio. Inf: info@talenfestival.ve

# Bernard Golden forpasis

La 19-an de oktobro en la aĝo de 82 jaroj forpasis la konata esperantista kaj dumviva membro de UEA, Bernard Goleen. Lin funebras la vidvino Eva Goleen kaj la du filoj Daniel Lariko kaj David Alko. Bernard Goleen naskiĝis la 23-an de novembro 1925 en Newark, Nov-Jerzejo, Usono. Li estis arkeologo kaj aŭtro de pli ol 1.800 artikoloj, recenzoj, beletraĵoj kaj tradukoj en Esperanto. Lia verkado estis tiel abunda, precipe sed ne nur en la esperantologia kampo, ke iutempe oni uzis la neologismon Goleen en la signito "abunde verki por ĉiaj periodaĵoj". En liaj beletraj verkoj elstaras la rakontoj *Hieraŭhodiaŭ, morgaŭ* (1982) kaj *Bestoj kaj homoj* (1987), la romanetoj *Infero en aŭtuno,* (1993) kaj *Samanoj en la kosmo (*1994), kaj la teatra volumo *Antaŭ*la kulisoj (1994). Li lernis Esperanton en 1946, edziĝis al hungarito kaj ekloĝis en Hungario en 1971. Ankaŭ liaj du filo scias Esperanton. Bernard Golden estis multjara korespononanto de la internacia magazino Monato, ano de la Akademio de Esperanto, estrarano de Centro por Esploro kaj Documentado pri la Monda Lingvo Problemo. Li zorgis pri la pli ol mil Esperantaj terminoj en Dictionarium museologicum (1986). En 1998, koincide kun la alveno de la reta epoko. Bernard Goleen publike deklaris verkoĉeson, sed ne kabeis. Akoraŭ ne ekzistas kompleta bibliografio de lia vasta verkaro.

El [Libera Folio]

Ni sincere kondolencas la familion Golden

# En Osorno forpais patro Valeriano Casado



Laŭ artikolo aperinta la 18-an de oktobro de 2008, en ĵurnalo Aŭstral de Osorno, hieraŭ forpasis pastro Valeriano Casado, enla Paroĥejo de Nuestra Señora de Lourdes, Osorno. Li estis 83 jara ano de la Kongregacio de Dia Verbo, naskiĝis la 15.an de decembro de 1925, en Castilla, Hispanio. Li eniris la Monoran Diocesanan Seminarion por igi pastron en 1938, dum la Civila Hispana Milito. Li ordeniĝis pastro, la 6-an de junio 1950-a kaj lia destiniĝo estis kiel konsilanto en lernejo. Li servis multajn paroĥejojn kaj lernejojn en la suda parto de Ĉinio, Osorno, Los Lagos, Entrelagos, Los Ángeles kaj El Carmen.
Dum sia vivo li ankaŭ partoprenis en la Skolta Movado kiel Trupestro.
Ekde sia alveno en Ĉilio, li prenis kontakton kun la Esperanto-Movado, sed eklernis Esperanton en Hispanio.
Li tradukis religiajn verkojn al Esperanto, sed bedaŭrinde neniu el ili estis eldonita. Li estis Delegito de UEA en Osorno kaj Los Ángeles, Ĉilio.
Lia lasta partopreno en la ĉilia Esperanto-Movado estis dum la 7a Landa Renkontiĝo, la jaron 2007an, en Santiago de Ĉilio.

Rete



## ENCIKLOPEDIO PRI ORIGINALA ESPERANTO-LITERATURO




Ĵus aperis leginda verko: "Concise Encyclopedia of the Original Literature of Esperanto (1887-2007)" de Geoffrey Sutton, eldonita de Mondial. (740 paĝoj; 23 x 15 cm.)
Temas pri detala kaj bone dokumentita rigardo al 120 jaroj da Esperanta literaturo.
Ĝi enhavas:
- prefacon de Humphrey Tonkin,
- ĝeneralan enkondukon al la esperanta literaturo, ĝiaj historio, evoluo kaj nuntempa disvolviĝo,
- apartajn ekondukojn al ĝiaj kvin malsamaj epokoj,
- ĉirkaŭ 300 apartajn artikolojn pri la plej gravaj verkistoj kaj ties verkoj, kin biografioj kaj kritiko.
- beletrajn ekzemplojn de kelkaj el la plej bonaj originalaj aŭtoroj,
- enkondukon al la lingvo mem, ĝiaj lingvistika strukturo kaj kreeblecoj,
- ampleksajn bibliografion kaj indeksojn.
Ĉio ĉi sufiĉas por antaŭfrandi la verkon. Ĉu ne?
Pliaj informoj ĉe:
http://www.librejo.com/enciklopedio/index.html
http://katalogo.uea.org/katalogo.php?inf=8034
En Biblioteko **Juan Régulo Pérez** troviĝas disponebla ekzemplero donacita de Jorge Camacho.
Ana Manero.



# Informo al la verkistoj

Eldona Societo Esperanto eldonos antologian novelaron kun noveloj verkitaj originale en Esperanto en la jaroj 2000-2009. Ni invitas ĉiujn verkistojn kaj verkemulojn sendi novelojn retpoŝte al esperanto@glocalnet.net aŭ papere al Leif Nordenstorm, Järnvägsgränd 11, SE-961 76 Boden, Svedio. Limdato: 1a de Aprilo 2009.
Ni preferos aperigi novelojn, kiuj ankoraŭ ne aperis libroforme. Se ili aperis en revuo, tio ne estas problemo.
Ĉiu(j) kontribuo(j) estos bonvena(j).
Leif Nordenstorm ( prezidanto de Eldona Societo Esperanto)
Sten Johansson (kunredaktanto de la novelaro).
Ĉe "Scienca kaj Teknika Esperanto Biblioteko", STEB ni kolektas Esperantlingvajn teknikajn kaj natursciencajn artikolojn, verkojn kaj elektronikajn librojn.
STEB estas funkciigata de E-Centro Eventoj en Budapeŝto, kaj ĝi estas trovebla ĉe: http://www.eventoj.hu/steb/

**Antologia novelaro 2000-2009**

Eldona Societo Esperanto eldonos antologian novelaron kun noveloj
verkitaj originale en Esperanto en la jaroj 2000-2009. Ni invitas cxiujn
verkistojn kaj verkemulojn sendi novelojn retposxte al
"esperanto@glocalnet.net". Limdato: la 1-a de aprilo en 2009.
Ni preferos aperigi novelojn, kiuj ankoraux ne aperis libroforme. Se ili
aperis en revuo, tio ne estas problemo.
Via(j) kontribuo(j) estos bonvena(j).
- Leif Nordenstorm (prezidanto de Eldona Societo Esperanto)
Sten Johansson (kunredaktanto de la novelaro)
laux [esper-inform]

fonto: Ret-Info
http://www.eventoj.hu

# Eventoj el Ĉinio

## *UNUIGITAJ PER LA RETO LA MONDO MALGRANDAS*

En la ĉina urbo Foshan, proksima al Kantono, la 17an de oktobro okazis interesa lerneja eksperimento, ene de la kurso de Esperanto instruata ĉe la Altlernejo pri Porprofesiaj kaj Teknikaj studoj de tiu urbo, kun la partopreno de la ĉirkaŭ 50 gelernantoj de la kurso, inter kiu ankaŭ lernas kelkaj profesoroj.
Profitante la bonajn teknikajn eblecojn de la lernejo oni starigis retbabiladon kun pola esperantistino, Grazyna, mem instruistino, de la urbo Toruñ. La junaj gelernantoj (inter 16 kaj 20 jaraĝaj) havis la okazon paroli kun ŝi pere de la reto, kaj eĉ vidi ŝin en giganta ekrano. Ŝi kaj la gelernantoj interŝanĝis salutvortojn, faris facilajn demandojn, kaj ŝi eĉ povis rigardi kiel oni instruas Esperanton al la gejunuloj. Kaj kiel granda surprizo komence de la klaso aperis brazila esperantisto, Silvio Kniess, kiu ankŭ babiladis kun ili (kompreneble simplaj frazoj, ĉar temis nur pri la 3a klaso).
Ĉiuj, ĉefe knabinoj, estis ravitaj de li, alta, bonhumora, belaspekta. Eble por ili unuafoje en sia vivo estis ebleco babiladi kun eksterlandanoj. Tio multege kuraĝigis ilin en la lernado de Esperanto. La profesoro demandis al la gelernantoj: Vi devige studas la anglan lingvon, dum multaj jaroj. Kun kiom da eksterlandanoj gxis nun vi parolis pere de la angla lingvo? Ĉiuj respondis: kun neniu. Do, ili nur en tri tagojn povis retbabiladi kun franca esperantisto, Michel Fontain, kun pola esperantistino, Grazyna, kaj vid-al-vide kun Silvio, brazilano, kaj Augusto Casquero, hispano, ilia instruisto. Ankaŭ loka televido ĉeestis tiun eksperimenton kaj favore raportis. Kompreneble fine de la klaso okazis "foto-sesio". Ĉiuj volis havi fotojn kun la fremduloj.



Tre agrable. La konata ĉina esperantisto Ĉielismo, alveninta el alia urbo, ankaŭ partoprenis
Jam estas vico de alilandaj esperantistoj kiuj volas babiladi kun ili. Ĉiu semajne dufoje oni ripetos tiun interesan kaj allogan sperton, kun alilandaj samideanoj (oni preferas junajn, pli allogaj por la junaj gelernantoj).
Oni povas mencii ke la gelernantoj bone, diligente, lerte, lernas. Oni pensas ke Esperanto estas lingvo malfacile lernebla por ĉinoj, sed tio tute ne okazas en ĉi tiu kurso. Junaj homoj facile lernas, rapide adaptiĝas al la prononcado de la nova lingvo. Kaj mi mem, kiel ilia instruisto, estas ege kontenta kaj kortuŝita instrui ilin. Ĉiuj afablaj, ĝentilaj, laboremaj. La etoso en la klasĉambro estas ege amikeca kaj gaja.
La organizantoj de la kurso, s-roj Jin Peng (lernejestro) kaj Liu Weizhuan (Gxenerala Sekretario de la Kantona Esperanto-Asocio), deziras ke tiuj kursoj daŭre kaj longe okazu.
En la plej granda universitato de Kantono, la Universitata Urbo, cxe la Fakultato pri Fremdaj Studoj, ankaux ĵus komenciĝis kurso de hispana lingvo. Dum la prezentado de la kurso, kun granda partopreno, oni profitis la okazon por iomete paroli pri Esperanto, kiel ponto-lingvo. Kelkaj el la gestudentoj esprimis sian deziron lerni Esperanton. En la kantona asocio oni okazigos kurson por ili.
Augusto Casquero

# Legangulo

Antaŭ nelonge *Legangulo* suferis paneon pro spamado kaj dum iom da tempo ĝi estis ŝlosita: ne eblis afiŝi, respondi, aŭ redakti komentojn. Sed ni jam trovis pli taŭgan programon, kiu permesis denove restarigi la servon.
*Legangulo* plu restas je via dispono, kiel renkontiĝejo de legemuloj, recenzejo aŭ informejo pri novaj eldonitaĵoj. Ĝia kvalito kaj intereso dependos de viaj kontribuoj. Do legu kaj ne hezitu dividi viajn spertojn. Tio pliriĉigos nin ĉiujn! Ana Manero

## ***BRAZILA ESPERANTISTO EN KANTONO***



La 17an de oktobro vizitis la Esperanto-asocion de Kantono la brazila esperantisto Silvio Kniess. Lin akompanis la konata ĉina samideano Ĉielismo.
Ĉeestis la agrablan kunvenon krom Silvio kaj Ĉielismo aro da lokaj esperantistoj, kaj la hispana Augusto. La etoso estis tre agrabla, kaj multon oni babiladis en Esperanto, kio plezurigis ĉiujn.
Silvio vizitas Ĉinion pro komercaj aferoj, helpata de ĉinaj esperantistoj. Al Kantono li venis el la bela apudmara urbo Xiamen, kie li partoprenis la jarkunvenon de esperantistaj komercistoj.Ankaŭ partoprenis la kunvenon en Kantono junaj samideaninoj, kiel Li Fei kaj Xiao Shan, kiuj multon helpas la asocion. Ili estis ravitaj parolante Esperante kun Silvio, ĉar malofte estas en Kantono okazo por babiladi esperante kun eksterlandanoj.

Augusto Casquero



# Ekspdediĉita al samideano/kamarado Jaime Viladoms (loka instruisto de ozicio Esperanto en Sabadell)




Samideanoj de la straro de KAE (Sabadell), Ramón Manau, José M. Galofré kaj Santiago Torné, dum vizito al la ekspozicio dediĉita al samideano / kamarado Jaime Viladoms (loka instruisto de Esperanto en Sabadell), antaŭ panelo kie oni povas vidi lian interrilato kun Esperanto.

Tiu ekxpozicio, okazita en "Casa Pere Quart" de Sabadell, estis inaŭgurita la pasintan 1an de septembro kaj daŭris ĝis la 28an de tiu monato. Prezidis la urbestro de Sabadell S-ro Manuel Bustos. La akto komencis per prelego de Lluis Monge, magistratato pri kulturo. Comisario de tiu ekspozicio estas la loka historiisto Eduar Masjuan.

ESTRARO DE KAE – SABADELL



# Prelego en la Gimnazio de Zapatón Torrelavega

En septembro, pluraj membroj de KantEA ekskursis al Tobazo (suda parto de Kantabrio). La membroj partoprenantaj en la oktobra eskurso grimpis sur la pinton de la monto Endino ĉe Olea, kaj vespere vizitis la diglagon de la rivero Ebro.

La 14an de oktobro, la prezidanto de KantEA, Miguel Gutiérrez prelegis pri Esperanto en la Gimnazio Zapatón de Torrelavega. La prelego celis la lernantaron de la 3a kurso de ESO. Oni povas legi pri la okazintaĵo en la retpaĝaro de la gim-



nazio, ne nur en la hispana, sed ankaŭ en

Esperanto. La retpaĝo prezentas plurajn priajn fotojn. La sekretario de KantEA, Pedro Ullate, transdonis al la biblioteko de la gimnazio ekzempleron de lernolibro kaj vortaron Amika.

Ankaŭ la 14an, KantEA transdonis, po unu, ekzempleron de la lernolibro "Esperanto", de la informlibro "El Esperanto: lengua y cultura", kaj de la DVD Esperanto al la popola biblioteko.

"Gabino Teira" de Torrelavega. La donacon akceptis kun danko gxia direktorino, s-ino Marta Huelga. Saman donacon ricevis la Biblioteko de la Kulturdomo de Torrelavega.

La donacon akceptis, kun miro kaj danko, s-ro Ramón Cortázar.

Dr. Rüdiger Sachs, redaktoro de "Scienca Revuo" vizitis nian urbon kune sia edzino kaj filino, ĝuante kun kelkaj membroj de la asocio turisman viziton tra la urbo kaj komunan vespermanĝon.

Fine de oktobro aperis la 15a numero de la asocia informilo "Saluton".



Miguel Adúriz dum la prelego

Kiel kutime, la asocio partoprenas la nacian kristnaskan loterion, ĉi-foje per la nume

ro 2.707, kiun ĝi proponas al siaj membroj kaj simpatiantoj.

La 13an de decembro okazos la kutima komuna vespermanĝo por festi la Zamenhofan tagon, kiun la esperanta komunumo rigardas kiel sian librotagon.

Kiel kutime, la membroj de la asocio daŭre kunvenas ĉiuvendrede, de la 20:00 ĝis la 21:00, kun komuna vespermanĝo la unuan vendredon de ĉiu
monato.

M. Zocat

## AUGUSTO CASQUERO EKSPREZI-DANTO DE HEF



Estas plezuro por mi, kiel redaktanto de Boletín, omaĝi al nia kara prezidinto de HEF, Augusto Casquero de la Cruz, al kiu ni devas danki pro sia sindona laboro pro Esperanto, kaj por ke la legantoj, konu lin, mi aldonas lian biografion, kiu atestas koncise la laboron de homo kiu vivas kaj vivos por Esperanto kaj pro la Movado, ne nur en Hispanio sed alilande. Vidu lian foton sur la kovrilo de ĉi bulteno.

Nomo: Augusto Casquero de la Cruz

Konstanta adreso: Avenida Burjasot 29, A-31. 46009 Valencia (Hispanio). Telefono: + 34 963401369 kaj +34 639650305 Retadreso: augustocasquero@gmail.com. Telefono en Ĉinio: 00 86 15919604244

Loko kaj dato de naskiĝo: Plasencia (Cáceres) Hispanio, 31 januaro 1945.

Titoloj kaj studoj:

Oficiro de la Hispana Armeo.

Diplomita profesoro pri Ĝenerala Baza Edukado, branĉo Angla Filologio (Madrid, 1981)

Diplomito en Logopedio, Universitato Complutense (Madrid, 1987)

Licenciulo pri Filozofio kaj Sciencoj de la Edukado, branĉo Speciala Edukado, Universitato Complutense (Madrid 1985)

Finitaj la Kursoj por doktoriĝo, 42 kreditoj, Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencia.

Atesto pri Scienca Investigad-kapablo, Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencia.

Ankoraŭ ne defendita la Doktoriga Tezo, en ĉi Universitato, kun la titolo "Propedeutiko de Esperanto en dulingvaj infanoj"

Diplomito en "Telekomunikado per mikroondoj" en San Antonio, Texas (Usono, 1973).

Diplomo de "Instructor Trainning"en New Jersey (Usono).

Kursoj diversaj pri Logopedio kaj Pedagogio:

Psikomotrico kaj Eŭtonio. Valencia.

Disvolvado de la Inteligento. Valencia.

Logopedio. Valencia.

Programoj por Individua Disvolvado en Speciala Edukado. Valencia.

Alproksimiĝo al Diagnozo en Logopedio. Madrid.

Seminario pri Pedagogio. Madrid.

Kurso pri Tartalado (ripetbalbutado). Valencia.

Kursoj pri lingvoj:

Supera ekzameno de valencia lingvo.

2a kurso de rusa linvo en la Oficiala Lingva Lernejo de Madrid.

1a kurso de germana lingvo en Oficiala Lingva Lernejo de Madrid.

3a kurso de de angla linvo en Oficiala Lingva Lernejo de Madrid.

Kurso intensiva de rusa lingvo en Moskvo.

Kvar-monata kurso intensiva pri angla lingvo en San Antonio, Texas, Usono.

Unujara intensiva kurso de germana lingvo en la Armea Lingva Akademio, Madrid.

Unujara studado de la slovaka lingvo en Poprad, Slovakio.

Dujara studado de la pola lingvo en Bydgoszcz, Pollando.

Kursoj de Esperanto en Loveno (Belgio), Tesaloniko (Grekio), Pollando, Hungario, Slovakio, Jugoslavio, Hispanio, ktp.

Ekde 1987 laboris private kiel logopedisto, dum dek jaroj.
Instruis Esperanton dum ses jaroj en la Fakultato pri Filologio de Valencio (Hispanio). Ekde la jaro 1969, kiam li esperantistiĝis, instruis senĉese Esperanton en Madrid kaj Valencia (Hispanio), Slovakio, Pollando, Usono, Ĉinio, en asocioj, lernejoj, fakultatoj, dum kongresoj, ktp.
Inter siaj okupoj kaj postenoj en Esperanto, li estis Prezidanto de Madrida Esperanto-Liceo (de kiu li estas Honora Prezidanto), Prezidanto de Valencia Esperanto-Federacio, Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato de la Universala Kongreso de UEA en Valencia (1993), de la hispanaj kongresoj de la jaroj 1987, 1988, 1997, 2002, 2003, kaj 2006.
Titolo de Profesoro de Esperanto, de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj)
Titolo de Esperanto, de ILEI, en Internacia Ekzameno, en Budapest (Hungario).
Nuntempe Ekzprezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, Ekskomitatano A de UEA, Vicprezidanto de Monda Turismo. Li estis Prezidanto de Hispana Esperanto Federacio, ekde julio 2005.
Li ricevis du literaturajn premiojn en Esperanto (mallongaj rakontoj) kaj unu en valencia lingvo (eseo). Li verkis dudekon da eseoj pri Esperanto, pedagogio, psikologio kaj logopedio, kaj centojn da artikoloj en Esperanto.
Ricevis la Internacian Premion Ada Sikorska Fighiera, en 2004, pro sia agado en la esperanto-movado.
Ĝis aprilo 2007, dum 5 jaroj, li instruis Esperanton kaj hispanan lingvon en la Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo, en Bydgoszcz (Pollando), kaj hispanan lingvon en la Altlernejo Akademia Bydgoszka. Nun, dum 2008 li instruas en Kantono (Ĉinio) hispanan lingvon kaj Esperanton, en la Universitato pri Fremdaj Studoj de Kantono, en la Porprofesia kaj Teknika Altlernejo en la urbo Foshan, kaj en la Asocio de Esperanto de Kantono.

A.C. de la C.

## Jen la horaro de HEF-ejo:

Ekde la monato oktobro la HEF oficejo havas novan horaron:

- **De lundo ĝis vendredo: matene de 10:00 ĝis 12:00** (deĵoras Mirjam Larissa Walter).

- **Sabate: de 11:00 ĥis 13:00** (deĵoras Miguel Hernández kaj aliaj volontuloj).

---

**Abonprezo de gazetoj de Esperanto**

Heroldo de Esperanto…………….39 €
Literatura Foiro…………………...36
Femina……………………………24
La Ondo de Esperanto……………38
La Ondo Elektronike……………...12
Internaciisto……………………….15

Peranto: Luís Serrano Pérez
Apartado 423
ES-08200 SABADELL
Hispanio
Tel. (+34) 937255021
luis_serrano@mixmail.com
Kaj <luis_serrano@ya.com>

# Lasta sciigo

### INAŬGURO DE ESPERANTO-MONUMENTO EN ZARAGOZO

Okaze de la 100-jariĝo de la aragona E-Asocio "Frateco", la esperantistoj decidis starigi monumenton dediĉitan al Esperanto en la placo "Glorieta del Esperanto".
La projekto estis financata per volontulaj kontribuoj de lokaj esperantistoj.
Temas pri reprezento de la terglobo kun ŝildo pri Esperanto.
La inaŭguro okazos la sabaton, 13an de decembro je la 12:00 h.
La alveno de kiel eble plej multe da simpatiantoj estos bonvena.

Amike kaj "fratece", Lorenzo Noguero
(Prezidanto de "Frateco")

# 13-a Andaluza Kongreso de Esperanto en Kordovo, de la 7a ĝis la 9a de novembro 2008

En Kordovo okazis de la 7a ĝis la 9a de novembro la 13-a Andaluza Kongreso de Esperanto, organizata de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo. Renkontiĝis dum tiu semajnfino trideko da geesperantistoj el Andaluzio, Madrid kaj Reĝurbo kaj eĉ eksterlandanoj venitaj de Francio, Germanio kaj Slovenio. Kiam Esperanto estas la ĉeftemo de renkontiĝo kutime la etoso estas speciala, tion konas ĉiuj kiuj iam partoprenis en Esperanto-kongreso, krome se ĝi okazas en Andaluzio la etoso estas eĉ pli alloga. Kaj tiun etoson oni povis ĝui en Kordovo dum tiuj Esperanto-tagoj.

La mateno de la sabato 8-a utilis por paroli pri la nuntempa situacio de la internacia lingvo en Andaluzio. Oni debatis pri la organizataj kursoj, ĉefe en Sevilo, Jaeno kaj Malago, kaj pri la organizotaj, kun la revo enirigi la instruadon de la internacia lingvo kaj ĝian kulturon en la universitatojn

Estas ankaŭ la celo de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo prezenti la venontajaran eldonadon de la Esperanta traduko de "Platero kaj Mi", ĉef-verkaĵo de la andaluza Nobelpremiito Juan Ramón Jiménez, okaze de la venonta Hispana Kongreso de Esperanto, okazonta en Malago dum la venonta somero, pri ĉi tiu onta kongreso ankaŭ oni debatis..

Se paroli pri la organizado de la Esperantomovado en Andaluzio, oni decidis daŭrigi la nuntempan strukturon kaj leĝan situacion de nia andaluza asocio, ne federacio, kies ĉefa celo estas kunordigi la laborojn de la jam ekzistantaj grupoj en la andaluzaj urboj kaj favorigi la aperon de novaj grupoj en tiuj urboj kie esperanto ankoraŭ ne estas disvatigita lingvo.

Komuna bankedo.






Kvankam la programero de la sabato finiĝis post la prelegoj multaj kongresanoj profitis la kordovan nokton por promenadi tra la juda kvartalo. Tra la moskea kvartalo kaj ĝiaj mallarĝaj stratoj la esperantistaro promenis kaj ĝuis la belecon de multaj stratanguloj.

Dimanĉe matene la kongresanoj vojaĝis per aŭtobuso en la kalifan urbon Madinat Al-Zahra, je 7 k-moj el Kordovo. Tie oni povis vidi la ruinaĵojn de tiu urbo, kiu kvankam apenaŭ daŭris unu jarcenton en la historio ĉiam restis en la memoro de la al-andalusaj islamanoj kiel urbo montranta la povon kaj influon de la islama kulturo en la sudo de la Ibera Duoninsulo. Dum la turisma vizito Jordi Lietor, profesia turism-gvidisto, kaj Rikardo F. Albert, fakulo pri la araba lingvo kaj kulturo, klarigis al ni multajn aferojn pri la ĉiutaga vivo de la tiamaj islamanoj.

Posttagmeze okazis la komuna manĝado, ĉi-foje iomete originala ĉar ĝi okazis meze de parko. La vespero estis la momento kiam oni organizis prelegojn kaj teatreton. Ricardo F. Albert Reyna parolis pri lingvo kaj literaturo en Al-Andalus, verdire ni profitis la profundan konon de nia samideano pri la lingvoj parolataj dum la islama periodo de Andaluzio, ni ne forgesu ke Rikardo estas profesoro pri la araba lingvo en Madrida universitato. Poste Pedro Hernández parolis al ni pri la sperto krei Esperant-lingvan familion, gajaj estis siaj sciigoj pri la lerteco de la infanoj kiuj kapablas paroli kelkajn lingvojn dum la familia vivo. Fine la slovanino Danica Obradoviĉ parolis al ni pri kiamanere la andaluzoj kaj Andaluzoj estas vidataj de eksterlandano kaj kial ŝi kaj sia edzo elektis nian landon por vivi dum longaj periodoj en la jaro, elekto kiun ni ĉiuj dankas. Dum la vespero ankaŭ okazis gaja momento kiam Jordi Lietor de Jaeno kaj Christine de Tuluzo en Francio, ludis kelkajn humorajn skeĉojn.



La kongreso finiĝis post ĉi turisma vizito. Verdire ni trovis en Kordovo allogan okazon por praktiki la internacian lingvon, nia lingvo estis uzata okaze de ĉiuj debatoj, prelegoj, diskutoj kaj ankaŭ dum la turisma vizito. La kongresejo, meze de la juda kvartalo, estis je nia tuta dispono dum la sabato kaj tie ni povis trankvile vivigi nian lingvon. Ekzistis libro-servo kaj preskaŭ ĉiujn librojn oni disvendis. Ankaŭ pri la restado la rezulto estas kontentiga, la plejmulto el la gekongresanoj povis loĝi ĉe la junulara restadejo, kie okazis la kongreso, aliaj ĉe apuda hoteleto.

J.M. Rodríguez



Pere de ĉi tiu kongreso Andaluzia Esperanto-Unuiĝo fiksis siajn gvid-liniojn por daŭrigi sian agadon en Andaluzio cele al la disvastigo de la internacia lingvo, pro tio ni kalkulas ĉies kunlaboron.



# *Novaĵoj el Aksarkio. (Malago)*

En la urbo de Vélez-Málaga ĉefurbo de la distrikto de la Aksarkio daŭrigas la laboro de la Junuluara loka Asocio EKA: "Esperanto Klubo Aksarkio", grupeto fondita antaŭ kelkaj jaroj de nia kolego A. Fabián Jiménez kiu delonge koplodas pro la kono kaj divastigado de la lingvo internacia en Vélez-Málaga kaj la proksimaj vilaĝetoj.



Nune grupeto el 4 personoj rekontiĝas ĉiusemajne dimanĉon vespere por instrui kaj praktiki la lingvon en la kafejo Norda Punkto (Punto Norte). La kurso daŭriĝas senhalte kaj la lernantoj bone prosperas, ili propagandis per afiŝoj pri la kurso en diversaj lokoj de la urbo kiel la urba biblioteko, mezlernejoj kaj la oficiala lingvolernejo. Estontece ili planas peti de la urbodomo la organizadon de Esperanta Kurso dum la programo de Somerkursoj de Uniax, (la Universitato de la Aksarkio) helpata de Malaga Universitato.

Oni ankaŭ penas pro atingi la akcepton de Esperanto kiel universitata fako pro kio oni kunlaboras kun Chema el Kordobo kaj la apogo de Ángel Arquillos prezidanto de AEU, Julio Herrero, kaj la Asocio Marbordo de la Suno.

Fabián Jiménez

## ***Noticoj el Malago***

Post la Eksposizio pri Esperanto en la Lernejo de lingvoj, kelkaj homoj interesiĝis pri Esperanto, kaj nuntempe studas bazan kurzo per korepondado.

**Nova horaro en nia "Esperanto Klubo"**

Loko: Colegio Al-Ándalus, strato Gustavo García Herrera, 10
Horaro: marde kaj ĵaude, de la 6ª h. ĝis la 7,30 vespere
Daŭro: de oktobro ĝis junio (lernojaro)
Instruistoj: Francisco Javier Martín (por komencantoj)
Angel Arquillos (por mezniveluloj)
Julio Herrero (por praktiko, babilado, akceptado de alilandaj esperantistoj)
Por la elementa kurso ni uzas la metodojn ¿Sabe usted Esperanto? kaj Mazi.
Por la meznivela la metodon Gerda malaperis, per projekcio de la Filmo.

---

# 34 Kataluna Kongreso de Esperanto

Ĉi bulteno aperos kiam la 34a Kataluna Kongreso estos okazanta aŭ okazinta, tamen, ni informos pri ĝi en venontan numeron, ĉi foje ni nur povas deziri ĉion bonan kaj fruktodonan eventon. Oni scias pri la partopreno de gravaj esperantistoj kiel:
Humphrey Tonkin, Giridhar Rao, Abel Motagut, Óscar Puig, Elisabet Abeyá, Lluís de Yzaguirre, Joan Felip, Mon Cardona, Dore Kasimir, Alejandro Cossavella, Martin Wiese. **Teatro Grupo de Tuluzo,** estas amatora trupo, kiuj plenumas siajn projektoj kun « amo ». Temas pri jam jarcenta tradicio en esperanto trejniĝi pretigante teatraĵojn (unuaj provoj okazis jam en 1896!!). La reago de la publiko tre certe estas kuraĝiga por tiuj novaj projektoj. En 2004 kaj 2005 « TEATRO TRUPO DE TULUZO » prezentis sian kvaran teatraĵon : "Familia Etoso" en la Kataluna Kongreso en Ceret, dum Zamenhoffesto en Tuluzo, dum IS en Wetzlar en la Jubilea Kongreso Bulonjo 2005 en KEF en Helsinki kaj en la Universala Kongreso en Vilno en julio 2005, kaj laste en Festo.
Rete.

# 16-a INTERNACIA ESPERANTO-SEMAJNO DE LA KULTURO KAJ TURISMO

De la 4-a ĝis la 10-a de oktobro okazis en Salou (Taragono) la 16-a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo, kiu pretigata de S-roj Luis Serrano, Salvador Aragay kaj Torné kune kun iu helpanto, plenumis la celojn de la menciita titolo de la Semajno.

Jam la unuan tagon, kiam okazis la inaŭguro, en la salono de la **Hotel Mediterráneo**, kiu estis la sidejo de la evento, S-ro Serrano ekparolis pri la historio de tiu Semajno antaŭ la partoprenantoj kaj la aŭtoritatuloj kiuj ĉeestis, t.e. la Vicurbestro de Salou kaj la Skabeno pri Kulturo de la Urbokonsilantaro.

S-ro Serrano profitis la okazon por memorigi ke ni estas ene de la Jaro de La Lingvoj, kaj ke ni devas plifirmigi la Esperantajn Grupojn, hodiaú iom lamantaj, por pli bona efektiva efikeco.



Luis Serrano

Je la fino, salutis la aŭtoritatuloj dezirante sukceson al la Semajno, kun traduko de S-ro Aragay.

Poste S-ro Giancarlo Fighiera salutis kaj pledis por ke Salou, kiu estas multkultura urbo, laú la vortoj de la skabeno pri kulturo, fariĝos oficiale "Esperanto-urbo" tiel kiel nun estas la germana urbo Herzberg aldonante tiun novan elementon de internacieco al la urbo. S-ro Buŝs, el Litovio, ankaú salutis kaj sekve diversaj reprezentantoj de lokaj Grupoj landaj kaj eksterlandaj.

La aranĝo finis per komuna fotado ekstere.


Fighiera kaj Arquillos

Dum la Semajno okazis interesaj prelegoj kiel, la unua, fare de S-ro Pere Navarro kiu prelegis pri la "*Homa evoluo. Vojaĝo tra la tempo de niaj prauloj"*, kaj kiu estis tre interesa kaj montris al ni la diversajn teoriojn pri la origino de la vivo kaj la diversajn etapojn de la vivantaj hominidoj ĝis la "homo ergaster" jam erekta.

Ankaŭ prelegis S-ro Wolfgang Gunther, pri *"Interna* ideo*, homaj rajtoj kaj ekologia perspektivo*" ligante la etikon al la ekologio ekde la unuaj momentoj de Esperanto, pere de la t.n. *interna ideo* , ekmenciante la libron de nia kara samideano G.Moya "La Homa Vivaventuro".



S-ro Aragay kaj kun aŭtotitatulo

Li prave kaj facile skizis la tri momentojn tra kiuj trapasis tiu interna ideo, unue kiam Zamenhof mem distingis inter Esperanto, kiel lingvo kaj Homaranismo kiel filozofio, kiu enhavis la valorojn je justeco, paco kaj solidareco. Do, la unua etapo estas la interna ideo, la dua la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj, kiu enhavas tiujn samajn valorojn, kaj tria la aktuala koncepto de daŭropoveco, por la estonto de nia planedo. Pro tio nun oni parolas pri Esperanto kiel ekologia lingvo

Ankaŭ pri ekologia temo prelegis D-rino Rafaela Urueña, pri la konsekvencoj de la poluado de akvoj, grundoj ktp. kiu ekde la internacia vidpunkto, povas kaŭzi la t.n. "*verdaj konfliktojn*" inter diversaj popoloj pro ekologiaj problemoj, ĉefe la manko da akvo, kiuj ofte kaŭzas kverelojn inter la diversaj popoloj kaj atencojn kontraŭ la internacia sekureco, laŭ internaciaj organizoj kiel UNO kaj UNESKO.

Ne vane ni troviĝas ene de la deklarataj dek jaroj por alfronti la temon pri la manko da akvo en la mondo (2005-2015).

S-ano Giancarlo Fighiera parolis al ni pri *la dua naskiĝo de Esperanto*, rilatante la plej gravaj momentoj de la historio de Esperanto ekde la unua universala kongreso de E-o okazinta en Boulogne Sur Mer, ĝis la oficialaj aranĝoj okazintaj en 2005, jam en historiaj momentoj pli favoraj ol dum la unua Universala Kongreso.

Dum la Semajno okazis kurso de Esperanto bone gvidata de S-ro Buŝs, kaj ankaŭ s-ano Aragay, prelegis al ni pri gramatikaj temoj, ĉefe pri la alfabeto, kaj pri la demando *ĉu Esperanto dialektiĝos*, kun interesaj ekzemploj de malbona uzo de la supersignoj aŭ de kelkaj frazoj

Tre interesa, kiel ĉiam, estis la aljuĝo de la Premio "Ada Sikorska-Figuiera, kiu ĉijare prezidis Giancarlo Fighiera, kiu, aljuĝante la premion al s-ano Baldur Ragnarsson, emocie parolis pri sia forpasinta edzino, tiel laborema dum multaj jaroj en la eldono de "Heroldo de Esperanto" ĝis la morto.

Foto de la Komuna grupo en Salou



Estante Semajno pri kulturo kaj turismo, oni ne povas forgesi tiun lastan flankon : Do, krome de la videoprezento de Opero “ La barbero de Sevilja” , ni ekskursis duontage al Vilanova i la Geltrú por vidi la Fervojistan Muzeon, tre interesa, kiu gardas trajnojn malnovajn de la unuaj tempoj de la hispana fervojo ĝis pli modernaj. Ankaŭ duontage, okazis la vizito al Muzeo de la Vino en Vilafranca del Penedés, kiu estis ankaú interesa. Kiel tuttaga ekskurso ni voĝajis al Barcelono, kun vizito al Tibidabo, al la strato Zamenhof kie oni metis florbukedon, kaj bedaŭrinde ni ne povis promeni tra Las Ramblas kaj centro de la urbo pro la pluvo.

Kiel jam estas kutima en tiuj ĉi Semajnoj, ni ĝuis aŭskultante vespere, la Ensemblon “Penjats de l´ham” kiu bone kantis por ni, permesante ke multaj samideanoj ankaŭ dancis . Je la fino, la organizantoj regalis nin per la gustumado de la tipa “cremat”.


D-ro. Wolfgan Gunther

Fine, sed ne laste, tre grava estis la inaŭguro de esperanta tabulo pri la Semajno en estrato Esperanto, kun ĉeesto de la Urbestro de Salou S-ro Banyeres kaj la Vicurbestro kaj skabeno pri kulturo s-roj Pellicé kaj Gaya respektive. Kun ili ni ĉiuj estis fotitaj kaj tiu evento, kun fotoj aperis en la lokaj ĵurnaloj.

Kompreneble, krom tio okazis aliaj diversaj gajaj eroj, kiel prezentado de video, kaj la kutima “Interkona vespero” kun ĉampano Esperanto kaj frandaĵoj.


S-ro Buŝs

Resume, mia persona opinio, kaj mi pensas ke mi ne troigas, ĉar ankaŭ estas la opinio de multaj aliaj estas ke kiel je la komenco de la Semajno diris S-ro Serrano, tiu Semajno ne temas pri kongreso, en la vera senco de la vorto, sed pri amuza kaj kultura Semajno por interrilatiĝi, fari geamikojn, saluti nekonatulojn kaj babili kun la jam konataj, kaj ĝui neforgeseblan etoson kun la konsekvenco ke al tiu Semajno venas pli kaj pli da esperantistoj de multaj landoj. Unu plian fojon, dankon al la tri organizantoj, S-roj Serrano, Aragay kaj Torné kiu montras al ni ke eventoj kiel tiuj povas esti pretigataj de malmultaj personoj, kiam oni havas la entuziasmon kaj la kuraĝon de tiuj tri, helpataj de Francesc kaj María . Ĝis la venonta jaro.

M.R. Urueña

# *Feliĉan Kristnaskon kaj novan jaron 2009*





Paca nokt', sankta nokt'!
Sonĝas stel'. En malhel'
Viglas ame la sankta par'.
Ĉarma knabo kun bukla harar',
Dormu; gardos Ĉiel'.
Dormu; gardos Ĉiel'.
Paca nokt', sankta nokt'!
Tra la land' vibras kant':
"Ho paŝtistoj, mi diras al vi:
Jen en stalo la beba Mesi',
Li de l' mondo Savant',
Li de l' mondo Savant'.
Paca nokt', sankta nokt'!
Tie ĉi Fil' de Di'
Donas amon el Dia kor'.
Por elsavo nun sonas la hor':
Krist' naskiĝis por ni!
Krist' naskiĝis por ni!





## ĴURNAL-ELTONDAĴOJ: HELPU NIN NUTRI LA DATUMBAZON!

Inter la havaĵoj de Biblioteko Juan Régulo Pérez troviĝas ampleksa kompilo de ĵurnal-eltondaĵoj pri esperanto. Unu el la bibliotekaj projektoj nuntempe disvolviĝantaj estas la kreado de retalirebla datumbazo nutrata jen de tiuj paperaj eltondaĵoj ciferecigotaj jen de tiuj aliaj jam aperintaj en reta formato.

Pri la ciferecigo de malnovaj eltondaĵoj kiuj jam troviĝas en la oficejo okupiĝos la biblioteko mem, sed ni bezonas vian helpon por kreskigi la datumbazon kaj pluteni ĝin kiel eble plej kompletan kaj ĝisdatan.

Se vi deziras kunlabori per sendado de ĵurnal-eltondaĵo, bonvolu sekvi jenajn instrukciojn:

**Se temas pri papera dokumento:**

1. Certiĝu, ke la artikolo, kiun vi sendos ne jam troviĝas en la datumbazo.
2. Skanu ĝin:
   a. La dokumento estu skanita sekvante jenajn teknikajn instrukciojn:
      i.300 p.p.p.
      ii. Kumpremigo: 20%
   b. La dokumento estu generita en jpg-formato.
   c. La nomo de la dokumento devas havi jenan strukturon: aaaammtt_Nomo de la ĵurnalo (ekzemple, 20080710_ElPaís).
3. Pdf-igu la jpg-dokumentojn.
   a. Transformu la jpg-dokumentoj al pdf-formato pere de la pdf-igilo de "OpenOffice" aŭ simila programo ("Adobe", ekzemple, se vi disponas ĝin).
   b. La origina jpg-o devas esti provizore konservata por solvi eventualajn misojn dum la proceso, almenaŭ en la unuaj momentoj, kiam ni ne tro certas pri la taŭgeco de la rezulto. Vidu sekvan punkton.
4. Sendu al ni per retpoŝto (esperanto@esperanto.es):
   c. La Pdf-dokumenton.
   b. La originaj jpg-ojn. (Ĉiu eltondaĵo provizos du sendotajn dokumentojn.)
   c. Se vi sendos pli ol unu artikolon, bv. sendi ilin per apartaj mesaĝoj por ne ŝtopi la poŝton.

**Se temas pri origine reta artikolo:**

1. Certiĝu, ke la artikolo, kiun vi sendos ne jam troviĝas en la datumbazo.
2. Pdf-igu la dokumentojn:
   a. Pere de la PDF-igilo de "OpenOffice" aŭ simila programo ("Adobe", ekzemple, se vi disponas ĝin). Ni proponas nun unu el diversaj eblaj metodoj, per PDF-igilo "CutePDF", kiu estas senpaga:
      i. Iru al http://www.cutepdf.com, elektu "CutePDFWriter download (freeware)", elŝutu la programon kaj instalu ĝin, Kiam ĝi petos vian permeson (en la angla) instali kroman programon PSPDF-on, repondu jese)
      ii. Por PDF-igi retpaĝon simple printu ĝin uzante la virtualan printilon "CutePDF Writer", kiu elekteblas post la instalo de la programo. Tio rekte kreos la PDF-dosieron.
   b. La nomo de la dokumentoj devas havi jenan strukturon: 20080710_ElPaís (aaaammtt_Nomo de la ĵurnalo).
   c. Sendu al ni per retpoŝto (esperanto@esperanto.es):
      i. La pdf-dokumenton
      ii. Se vi sendos pli ol unu artikolon, bv. sendi ilin per apartaj mesaĝoj por ne ŝtopi la poŝton.Jam eblas konsulti la naskiĝantan datumbazon en: www.esperanto.es/jurnal-eltondajoj. Jes ja, sen ĉapeloj, pro teknikaj malfacilaĵoj... Dankon pro via kunlaboro. A.Manero

# POR VIVA IDENTECO DE ESPERANTO BEZONOJ DE INDA FUTURO EN KOMUNIKADO

Sendepende de la lingva evoluo-evoluigo de la lingvo mem forlasendas la esence lingva-kultuta indentigo-direktigo de la neŭtrala internacia lingvo Espoeranto farde de la oficiala Esperanto-Movado. Tio pro du kialoj:

1-e. En la nuntempa movorientiĝo kaj de la filozofio-sociologio kaj de la polítíco.ekonomiko pli kaj pli gravas teoria kaj praktika konsideremo pri la strukturo kaj (inter-) dinamiko de ĉiu vivo kiel principe eksterhoma ekosistemo (“naturo”), tamen forte influeblaj kaj influata de la homa socio (“kulturo”). Endas atenti ĉi rilate pri la Mondaj Sociaj-Forumoj, projektoj kiel Planet Diversity aŭ la filosofio de la viva kaj la t.n. responseca etiko.

2-e. Esperanto kiel neŭtrala, senperforta kaj demokratia pontolingvo por si mem ĉefe identiĝas kiel “perviva”, t.e. “ekologia” komunikilo kaj pro tio
-adekvatas la bezonoj de la biosfero kaj
-taŭge kongruas kun la estiĝanta pri-kapor-viva (re-) fundamento de la homara socio, sekurigante ties futuron.

La nuntempa malobservado, eĉ neglektado, de Esperanto ĉefe kaŭzatas pro la samnivela, t.e. lingvokultura, argumentado de la oficia Esperanto-Movado. Ĉi-rilate Esperanto sin prezentas kiel nur unu el la lingvaj ebloj solvi “LA” lingvan problemon. En la konkurenco kun aliaj ebloj ĝi submetiĝos al la fina demokratia decido kaj laŭ ĉio, kion oni ĝis nun spertis, tiu ĉi decido ne ĝin favores. Tiom imple pro tio (Tia estas ja la homo!) , ĉar, se oni lernas ekz. la Anglan, oni ja devas klopodi pli multe ol ĉe Esperanto, tamen gajnas al la aktuale rega monda komunikadsistemo – ĉu ĉiukampe funkcianta aŭ ne...

Kontraste al tio konsekvenca teoria kaj praktika argumentado por Esperanto kiel unuranga lingve kaj kulture-porvive preventiva komunikilo metas Esperanton en pozicion, kiun nenia etna lingvo iele povas atingi: esti imanenta kunsavilo de la biosfero.
Ĉio ĉi tio postulas,ke la Esperanto-Movado sin evoluigas sur la bazo de ĉi konkreta “ekologia” identeco, kun ĉiuj konsekvencoj rilate
-minimumigon de porsociaj, t.e. interkulturaj, riskoj kaj
-minimumigo de pormediaj, t.e. enbiosferaj, riskoj.
La ekologia alĝustigado de la Movado, ankaŭ forme de ĉirilata porbiosfera amendigo de siaj statutoj, estas nemalgavebla sekvo de ĉi pens- kaj agad- manieroj.
La mondo bezonas Esperanton, sed ne kiel alian aldonan potencialan kundetruanton, sed kiel konsci-responsece idean kaj materialan antaŭzoegemulon cele denriskan kaj sendisipan vivindan futuron.

EKOMED (Centro pri Ekologia Medicino)
NULA HORO (Internacia Artgrupo kun Esperanto kiel Komuna Lingvo)
AP 270 – C/ Esperanto, 3, 03170 Rojales (Alicante), Hispanio
Rete: w.guenter.esperanto@web.de



# Kongresa temo kun du dimensioj

En 2009 oni festos la 150-an datrevenon de la naskiĝo de d-ro L.L. Zamenhof. Tre konvene UN proklamis la saman jaron Internacia Jaro de Interpaciĝo. Estis do nature, ke la Estraro de UEA inspiriĝis de tiu koincido, kiam ĝi elektis "'Krei pacan ponton inter la popoloj': Zamenhof hodiaŭ" kiel la temon de la 94-a Universala Kongreso de Esperanto, okazonta de la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto en Bjalistoko. La citaĵo en la vortumo de la temo devenas de la parolado de Zamenhof en la Kembrigxa UK en 1907.

La kongresa temo estos vaste traktata en la oficiala programo de la UK, sed la Estraro esperas, ke ankaŭ fakaj asocioj konsideros ĝin en siaj propraj dumkongresaj kunsidoj. Krome, por la Internacia Kongresa Universitato oni bonvenigas prelegproponojn pri la kongresa temo. Ankaŭ la Belartaj Konkursoj aparte alvokas por siaj esea kaj filma branĉoj konkursaĵojn pri la temo. Fine, la temo evidente ne estas io specife rezervita por la UK. La Estraro instigas trakti ĝin en konvenaj manieroj kaj formoj en ĉiaj Esperanto-aranĝoj kaj en la Esperanto-gazetaro ankaŭ dum la cetero de la jaro.



Katedralo Bialistoko Vikipedia

# PREFERE MALFRUE…

*"Pasintan septembron, la Biblioteko Juan Régulo Pérez de Hispana Esperanto-Federacio, ricevis plurajn skatolojn plenaj de libroj. La donacinto estas Antonio Alonso Núñez, iama prezidanto de nia asocio. Ĉirkaŭ 300 specimenoj, ĉefe libroj, iĝis tiel nova parto de la HEF-kolekto.*
*Ankaŭ ci-jare, la biblioteko ricevis alian libro-donaceton (ĉ. 30 eroj). Ĝin sendis la filo de Félix Gómez post la forpaso de sia patro.*
*HEF sincere dankas al ambaŭ."*

Ĉi tiu informo devintus aperi siatempe (fine de 2005 aŭ komence de 2006) en Boletín. Tio ne okazis ĉar mi sendis la prian artikoleton al redaktoro, kiu tuj poste elposteniĝis. La nova redaktoro, verŝajne, nenian ricevis ĝin kaj la informeto vagadis en virtuala nebulo ĝis mi rimarkis, ke fine ĝi neniam publikiĝis.
Al tio aldoniĝas la fakto, ke dum du jaroj – pro personaj kialoj- mi ne povis plenzorge okupiĝi pri bibliotekaj aferoj. Tial, verŝajne estas pliaj librodonacoj (malpli nombraj, tamen ne malpli gravaj) alvenintaj tiuepoke pri kiuj ankaŭ ne aperis informo ĝustatempe.
Espereble la legantoj kaj la donacintoj senkulpigos la bibliotekan prizorganton pro tiu neglekto en la akurata informado pri laste alvenintaj dokumentoj al nia kolekto.

Ana Manero



# Celebrado de la Internacia Jaro de Lingvoj, 2008, en Granado

La pasintan tagon 13a de novembro, en la bela kaj historia urbo Granado okazis tre grava evento, temis pri la Internacia Jaro de la Lingvoj, kun partopreno kaj ĉeesto de kelkaj andaluzaj samideanoj.

La programo estis jena:

1a) Prezentado de la Internacia Jaro de Lingvoj, mesagho de la Direktoro de Unesko, Matsuura Koichiro, far José Rodríguez Polo, profesoro de Interlingua en la Centro pri Kontinua Edukado de la Universitato de Granado, emerita profesoro pri Didaktiko de la Lingvo kaj Literaturo en la Fakultato pri Sciencoj de la Edukado.

2a) La angla kiel internacia lingvo, far Rosalía Crespo Jiménez, profesorino pri la angla en la Universitata Lernejo pri Teknologia Arkitekturo.

3a) La latina kiel helplingvo de Europa Unuigho,far Teresa Berdugo Villena, profesorino de latina lingvo en la Fakultato pri Teologio.

Auskultado de la latina-hispana krist-naska karolo "Dipatrino Maria" de Fratino Juana Inés de la Cruz.

4a) Interlingua, neutrala lingvo por solvi la Babel-problemojn, far Hermenegildo de la Campa, Profesoro de Interlingua en la Centro pri Kontinua Edukado de la Universitato de Granado.

5a) Esperanto, planlingvo por unuigi homojn kaj popolojn, far Francisco Javier Martín Gómez, Vicprezidanto de Malaga Esperanto-Asocio "Marbordo de la Suno".



Francisco Javier, vicprezidanto de la Asocio Marbordo de la Suno de Malago, prelegis pri Esperanto.



Samideano Higinio Fernández, lingvisto el Linareso, kaj membro de Jaena Esperanto Asocio, ĉeestis la eventon.



Jordi Lietor, instruisto de baza kurso de E-o en Jaeno, kaj membro de tiu Asocio, estis -alia ĉeestanto al la evento.

# *Amuzaĵoj*



Instrukcioj:

Ĉiun liberan kampeton plenigu per unu el la naŭ simboloj, sekvante la jenajn regulojn:
En ĉiu horizontala linio, ĉiu vertikala linio, kaj ĉiu el la naŭ naŭopaj kamparoj markitaj per dika nigra linio rajtas aperi ĉiu simbolo nur unufoje.

Kelkaj trukoj por ludi:

1) Nur skribu simbolon se vi ekskludis la eblecon skribi ĉiujn aliajn simbolojn.
2) Se en la supra linio de maldekstra naŭopa kamparo aperas certa simbolo kaj reaperas en la meza linio de la meza naŭopa kamparo, ĝi nepre devas aperi ankaŭ en la malsupra linio de la plej dekstra naŭopa kamparo, kaj tiel plu.

Mirjam Larissa Walter

En venonta bulteno vi vidos la solvon.

# *ESPERANTO-EKSPOZICIO EN MALAGO*

La 14an de oktobro 2008 Malaga Esperanto-Asocio "Marbordo de la Suno" inaŭguris ekspozicion pri Esperanto kaj ĝia libra kulturo en Malago, ĉe la Oficiala Lernejo pri Lingvoj, rezulte de unu el la konkludoj de nia ordinara jara kunveno, kiun finfine ni sukcesis realigi dank' al la kunlaboro de preskaŭ ĉiuj membroj de nia E-Asocio en Malago.

.



Dum tri tagoj (14ª, 15ª kaj 16ª de oktobro) nia ekspozicio donis la okazon al la publiko konatiĝi kun Esperanto kaj ĝia vasta kulturo, dank' al la kelkdekoj da libroj, revuoj kaj broŝuroj ekspoziciitaj. Vere, nia nuna E-biblioteko en Malago konsistas el ĉirkaŭ mil unuoj, tamen oni devas diri ke ekspozicio por ĝenerala, neesperanta publiko, tre diferencas de ekspozicio aŭ libroservo antaŭ esperantistoj dumkongrese. Do, perspektive, post selektado ni metis sur la tablojn grandan kvanton da lernolibroj, aktualaj kaj malnovaj, kaj multajn legolibrojn, kiuj ĉu pro ekstera belaspekto aŭ pro renomo de iliaj aŭtoroj, rezultis tre allogaj por la vizitantoj. Menciindaj estas ĉiuj libroj de la serio Hispana Literaturo (Miguel Hernández, Camilo José Cela, García Lorca) kaj de aliaj hispanaj verkistoj (Zorrilla, Cervantes, Becquer, Valle-Inclán, Pio Baroja, ktp), kaj la Scienc-fikcia kolekto Sferoj. Libroj kiel La Aventuroj de Tinĉjo, Asteriks, Pinokjo, Alico en Mirlando kaj vasta kolekto da libroj multkolore eldonitaj en Ĉinio, kaptis la atenton de la publiko, kiu sciante preskaŭ nenion pri Esperanto, miris antaŭ tiom da publikaĵoj.





Por la okazigo de la ekspozicio ni apenaŭ faris propagandon ĉar ja la vizitantoj estas lernantoj ĉe tiu Lernejo, kiuj multnombras kaj en ĉiu momento homoj staris antaŭ la tabloj, rigardante librojn kaj ricevante informon pri Esperanto pere de broŝuroj kiujn ni eldonis por la okazo.

Dum la ekspozicio ni ricevis la viziton (la 14an de oktobro) de brita samideano John Gobourne kaj (la 15an de oktobro) de Danika Kaj Djorge, esperantistoj el Slovenio. La loka ĵurnalo SUR aperigis artikolon kun intervuoj kaj fotoj al ni, kaj la loka televid-kanalo Onda Azul filmis la ekspozicion kaj intervjuis Angel Arquillos, kiel prezidanton de AEU kaj Julio Herrero, kiel prezidanton de Malaga Esperanto-Asocio.

Tiaj ekspozicioj fortigas la rolon de la esperanto-bibliotekoj en la socio, kun aktiva alirejo al kulturaj valoraĵoj kaj ĉi-okaze havigis al ni novajn lernantojn kaj membrojn por nia loka Asocio.

Ĉar sukcese, ni jam antaŭvidas similajn ekspoziciojn dum venontaj monatoj. Malago esta granda urbo kaj estas necese informi pri Esperanto ĉe kiel eble plej da instancoj. Ni ne forgesu ke en Malago fondiĝis la unua Esperanto-Societo en Hispanio, kaj la kvina en la tuta mondo, en 1892.




Post la ekspozicio, la lasta tago, grupeto da partoprenintoj, gustumis bongutan ĉokoladon kaj "churros", en la fama kafejo Esperanto.

Sur la foto, Ángel Robles, .Angel Arquillos, Julio Guerrero, Georgo, Francisco Javier kaj tute maldekstre, nia kara Danica.

**PREZENTO DE UNIVERSITATA ESPLORO PRI ESPERANTO**

Interessos al voltant de l'ajuda als infants després de la Primera Guerra Mundial.

El cas dels nens austríacs recollits a Espanya amb l'ajuda d'esperantistes.

Treball de Recerca MOHM
Lurdes Cortès
Tutora: Dra. Mariciό Janué
Curs 2007-2008

Lurdes Cortès prezentis la 17an de novembro universitatan esploron pri historio rilate al Esperanto.
La titolo estis: "El cas dels nens austríacs recollits a Espanya amb l'ajuda d'esperantistes" (La kazo de aŭstriaj geinfanoj gastigitaj en Hispanio pero la helpo de esperantistoj).
Okazis en la Universitato Pompeu Fabra en Barcelono.
La profesora komisiono (formita per: prof. Josep Fontana, Jaume Torras kaj Mariciό Janué) donis la maksimuman noton.
Kurioze, prof. Torras menciis ke li memoris pri prelego de esperantisto kiam li estis infano (eĉ li kunportis lernolibron de Esperanto)
La prezentado estis tre interesa. Ĉeestis eĉ filo el tiuj aŭstriaj infaninoj gastigataj en Hispanio.
Ankaŭ ĉeestis la nepo de Emilio Gastón Ugarte (iama kunorganiganto) kaj la aktuala prezidanto de la aragona E-asocio "Frateco".

Oni substrekis la laboron de tiuj kiĥotoj, de volontuloj en entrepreno plena je malfacilaĵoj.
Temis pri respondo emocia kaj pro esperantisma idealo.
Kompreneble la rezultoj estis kun limigoj propraj de neprofesiuloj sed kun granda entuziasmo.

Lorenzo Noguero



**Prilirika biografio de.....**

**Amalia Núñez Dubús**

Ŝi naskiĝis en Pamplona la 22an marto de 1889. Telegrafistino unue kaj poste help-profesorino pri sciencoj en la Normala Navara Lernejo de Pamplono. Ŝi esperantistiĝis en la jaro 1911.

Kun rimarkinda inklino por Beletro ŝi kunlaboris per interesaj artikoloj, rezencoj, poemtradukoj kaj originalaj poemoj en multaj esperantaj gazetoj, precipe en "Hispana Esperanto-Gazeto" (1931-1936), "La Suno Hispana" kaj dum multaj jaroj en "Boletín" de HEF post la intercivitana hispana milito, sed ankaŭ kunlaboris kun la tutprestiĝa "Literatura Mondo" kaj aliaj ankaŭ sufiæe gravaj.

En 1914 jam aperis en "La Suno Hispana", eldonita en Valencio, la rakonto "Ton, la malica" de Inocente Colomina, kiun ŝi tradukis al esperanto kun la helpo de kolegino, kaj en novembro de 1924, Amalia publikigis en tiu sama gazeto jenan originalan poemon:

**Fajroj ekbrulas.**

Sur benko revadis
ĝentila knabino,
ŝi gaje legadis
Versaĵon senfino.
Dum nuboj nigregaj ĉielon kovradis.

La vintro pasiĝis
Varmeta kaj bela,
La suno bruliĝis
Kun lumo tre hela
Printempo veninte, la tero gajiĝis.

La suna radio
Trovarmis aeron,
La fajro de Dio(*)
Minacas la teron.
Knabino komparas la sonĝon kaj veron.

Jam falas pluvero,
La tondroj bruinte;
Eksentas larmero
Knabino venkinte.
Ve! kiam ekbrulas en koro kaj tero.

* (fulmo)

En decembro de sama jaro (1924) ŝi publikigis en la menciita gazeto jenan originalan poemon, kiel saluto al la nova jaro 1925:

**Novjara Saluto**

La paco sur la tero nur estas mito
ĉie la mondon premas grandaj doloroj,
ĉie rezonas eĥoj de la milito:
mortoj, brulegoj, pafoj, vundoj kaj ploroj.

La homoj sian vivon pasas per kantoj
kaj forgesas la sangon de la vunditoj,
la kriojn gajecplenajn de la venkantoj
kaj la plorantajn kriojn de la venkitoj.

Nure, super kruelaj homaj doloroj
brilas inter la nuboj, la Verda Stelo
ĝi volas unuigi korojn kun koroj
kaj la mondon klarigi per ĝia helo.

Inter homaj bataloj, estas perdita
tia voĉeto kiun oni forpelas,
ĉar al mondo freneza, fumo milita
nun plenkovrigas tion, kion ni celas.

Sed ĝia lumo estis ne senutila
inter miloj vokitaj, kelkajn ĝi trovis:
la Steleto lumigas per lumo brila
ĉar se multaj ĝin neis, kelkaj sin movis.

Jam post la nigra nokto, la lum' aperas,
permesu ke tra limoj, lingvoj kaj rasoj
frate sin amu tiuj, kiuj esperas,
ni, hodiaŭ, polvero, morgaŭ amasoj,

Ke trovu feliĉecon tuta homaro
dum la venonta jaro, la dudekkvina,
saluton al tutmonda amgefrataro,
kaj al ĉiuj la landoj, paco sen fina.

En la jaro 1926, þi jam helpprofesorino de la Normala Lernejo de Navaro, publikigis en “La Suno Hispana” jenan poemon:

**Soleco**

Tral mallumigata strato
aro bruanta marŝadas,
ili, vidinte la larmojn
vangojn miajn rigardadas.
Scivolemeco sendube
montris al ili la limon:
Ili komprenis la larmojn;
sed ne komprenis l’ animon.
Tial, inter ĉiaj aroj,
inter brua la gajeco
naskis en l’animo mia
nekonsolebla soleco.

Tiu ĉi poemo estis unu el la elektitaj de K. Kaloksay por la verko **“Dekdu Poetoj”**, kiun oni eldonos en la jaro 1934, sed ĝi jam estis aperinta en junio de tiu ĉi sama jaro en “**Literatura Mondo”**, jen kial ĝi estis unu el la elektitaj de Kaloksay.

Je la fino de la lasta menciita jaro, decembro de 1926, aperis poemo de Louis Ratisbonne titolita **“Novembro”** kiun ŝi tradukis kaj publikigis en sama E-gazeto.

En monato junio de tiu ĉi jaro okazis la 6ª Hispana E-Kongreso en Madrido, kaj unu el la konkludoj aprobitaj estis krei la Hispanan Instituton de Esperanto, kies celo estis kontroli ĉiujn gravajn problemojn de la Hispana Esperanto-Movado. Ŝi estos administrata, maksimume, de kvardek membroj, ĉiu el ili elstara en la E-Movado. Unu el la elektitoj, inter tiu elito, estis Amalia Núñez Dubús, el Pamplono.

Amalia estis bona poetino kaj sufiĉe klera en beletro kiel oni agnoskis en la Madrida E-Kongreso, jen kial en 1931 la redaktoro de
“Hispana Esperanto-Gazeto (organo de “Hispana Esperanto-Asocio) elektis ŝin kiel gvidanto de la Literatura Sekcio de tiu ĉi gazeto, kaj de tiu momento ŝia kunlaboro estis tre konstanta. Efektive, kiel unua artikolo de ŝia respondeca posteno kaj ankaŭ kiel prezento, ŝi publikigis artikoleton: **“Literatura Alvoko”**, emfazante la gravecon de la Literaturo, kaj en monato majo ŝi jam publikigis jenan originalan poemon:

## ĈIAM NOVA SENTO

Daŭre, daŭre pluvo falas,
daŭre falas sur la teron
ĝin kovrante per mallumo
kaj per malvarmec' aeron.

En la dom' silento regas,
regas en la urb' silento;
sed en koro mia, rave
regas ĉiam nova sento.

Ĝi animon mian movis,
ĝi la cerbon ekbruigas,
ĝi, renaskiginte revon,
mian revon renaskigas.

Kaj ĝi puŝis miajn vortojn
el la koro ĝis la plumo
kaj plenigis nigran ĉambron
per la bela, milda lumo.

Nokto ja fari ĝis luma,
pluvo ja fariĝis bela;
estinteco malpli gaja
kaj la tag' venonta, hela.

Mi ne scias ĉu la vojon
mian nigran ĝi lumigos
ĉu por ĉiam, ĉu longtempe,
ĉu momente ĝi estingiĝos.

Eĉ minute nur ĝi daŭrus
la influo super mi,
pro la lumo, pro la amo,
ĝin por ĉiam benu Di'.

Daŭrigonta

# 68ª Hispana Kongreso de Esperanto
# 14ª Andaluzia Kongreso de Esperanto
# (Malago, de la 2a ĝis la 5a de julio 2009)

# A L I Ĝ I L O

Nomo kaj familia nomo ______________________________

Adreso ____________________________________________

Urbo / loĝloko ____________________________________
Poŝtkodo ___________ Retadreso
__________________________________________

Telefono ________________________ Fakso _____________

**1.- Elektu vian kotizon**:

A) *Baza kotizo* = 30 €

B) *Rabatoj*:
- Aliĝo antaŭ la 28a de februaro = 10 €
- Aliĝo ĝis la 30a de aprilo = 5 €

NOTO: La minimuma kotizo estas 20 €.

**2.- Decidu ĉu vi tranoktos en la kongresa Restadejo**.
Prezo de la tranoktado en la Junulara Restadejo dum la noktoj de la 2a, 3a kaj 4a de julio (kio inkludas ankaŭ la matenmanĝojn de la 3a, 4a kaj 5a de julio kaj la tagmanĝojn de la 2a, 3a kaj 4a de julio) = 90 €

**3.- Kalkulu la kotizo-kvanton**.

**4.- Pagu la kotizon en la jena bankokonto**:
La Caixa: 2100 2474 32 0210104542

NOTO: Nepre indiku en la pagilo "Kongreso Malago" kaj la nomon de la paginto.

**5.- Post la pago en la banko**, sendu al ni ĉi tiun Aliĝilon perpoŝte al: Asociación Andaluza de Esperanto, calle Anfora, 6 5º D, 29013 Málaga, aŭ sendu mesaĝon al: koti-zoj@esperantoandalucia.org indikante viajn nomon/adreson, kotizon pagitan, kaj Restadejon elektitan.

Plian informon vi trovos ĉe: www.esperantoandalucia.org/